9-a jaro. — N-ro 11-12 (105-106) Nov.-Dec 1923.

# Belga Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro



Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO
1923

Bonvolu noti nian novan adreson!

# Belga Ligo Esperantista

## Ĉiujara Kotizaĵo

(Jaarlijksche bijdrage — Cotisation annuelle) :

| | | |
|---|---|---|
| Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires) | fr. | 5.— |
| Ordinaraj membroj kun abono de «Belga Esperantisto» | fr. | 10.— |
| Protektantaj membroj (Besch. leden — Membres protecteurs) | fr. | 25.— |
| Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners — membr. bienf.) | fr. | 50.— |

---

HONORA KOMITATO:

Prezidanto: Princo LEOPOLDO DE BELGUJO, Duko de Brabant.
Prezidinto: Generalo Grafo LEMAN.
Membroj: S-roj BERNIER, Skabeno, St. Gilles.
BRAUN, antaŭa urbestro Gent.
CH DESSAIN, Urbestro de Mechelen.
F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
DEVREUX, Urbestro, Charleroi.
DEWANDRE, Skabeno de la Publika Instruado, Charleroi.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antwerpen.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
A. MAERTENS, Prezidanto de «Banque de Flandre», Gent.
PASTUR, Konstanta deputato de la Provinco, Marcinelle.
B-no RUZETTE - VAN CALOEN DE BASSEGHEM, ministro de Terkulturo.
LEON SCHEERDERS, industriisto, St. Nicolaas (Waes).
J. SCHRAMME, advokato, Brugge.
J. SPINHAYER, antaŭa, Urbestro, Verviers.
D-ro R. VAN MELCKEBEKE, hemiisto, Antwerpen.
VERDONCK, Urbestro, Gentbrugge.

---

## Oficiala Organo de la Ligo

# " BELGA ESPERANTISTO „

Redakta Komitato:

S-roj COGEN, PAROTTE, PETIAU, SCHOOFS, VAN SCHOOR, WITTERYCK.

Jara Abonprezo: Belglando Fr. 10. — (specialaj kondiĉoj por Grupoj)
Eksterlando : Fr. 12.—.

| Anoncoj: | 12 numeroj. | 6 numeroj. | 3 numeroj. | 1 numero. |
|---|---|---|---|---|
| 1 paĝo : | Fr. 200.— | 105.— | 60.— | 30.— |
| 1/2 paĝo : | Fr. 105.— | 55.— | 35.— | 20.— |
| 1/3 paĝo : | Fr. 70.— | 40.— | 25.— | 15.— |
| 1/4 paĝo : | Fr. 55.— | 35.— | 20.— | 12.50 |
| 1/8 paĝo : | Fr. 30.— | 20.— | 15.— | 10.— |

Verdaj kovrilpaĝaj : samaj prezoj + 150 0/0.

## AGADA KOMITATO

Prezidanto: S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Vicprez.: S-roj L. Cogen, Ninove; L. Champy, 17, r. Richard, Anvers.
Ĝenerala Sekretario: S-ro H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, Gent.
Kasisto: S-ro F. Mathieux, 15, Avenue Bel-Air, Uccle (P. Ĉ. 399.84).
Direktoro de la Oficiala Organo: } Fr. Schoofs, 45, Kleine Hondstraat,
Gazetara kaj Propaganda Servoj: } Antwerpen.

MEMBROJ ELEKTITAJ DE LA ĜENERALA KUNVENO.

S-roj Babilon (Visé), L. Champy (Antwerpen), D-ro Dupont (Beyne-Heusay), S-ino Elworthy - Posenaer (St. Mariaburg), Jos. Parotte (Verviers), Frans Schoofs (Antwerpen), D-ro W. van der Biest (London) kaj Oscar Van Schoor (Antwerpen).

DELEGITOJ DE LA GRUPOJ.

Antwerpen: Antv. Grupo Esper.: S-ro A. Van de Velde, 10, Olijftakstr..
» La Verda Stelo, S-roj E. De Coster, Kerkstraat, 170,
M. Jaumotte, Lage Weg, 254/14, Hoboken.
» La Suda Lumo, S-ro J. Jacobs, 444. Boomsche steenweg.
» Esperantista Junularo: R. Broeckhove, Maatstr., 52.
Boom : Grupo Esp., J. Clerbaut, Groenhofstr..
Brugge: Bruĝa Grupo Esperantista, S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.
F-ino Y. Thooris, 4, rue de l'Outre.
Charleroi: Grupo Esperantista, A. Henraut, 30, r. Ferrer, Lodelinsart.
Gent: Genta Grupo Esperantista, H. Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gent.
C. Van de Velde, Zwarte Heirestraat, Gentbrugge —
» La Progreso, S-ro L. Cogen, Ninove, kaj F-ino E. Colyn, Ryhovelaan, 21, Gent.
Gendbrugge: «Espero»: S-ro De Bruyker, Gestichtstraat, 96.
Ledeberg: La Tagiĝo, S-ro L. Varendonck, 113, Kerkstr., Gentbrugge.
Liége: Lieĝa Ago, S-roj Oger, 37, rue de Campinne Liége.
Lier: Liera Stelo, S-ro J. Leflot, 47, Vaartlaan, Lier.
Lokeren: La Durma Stelo, S-ro A. Roels, Bergendries 28.
Mechelen: Grupo Esperantista, Axel Baesens, Statiestraat, 16.
St-Gilles-Bruxelles: Antaŭen, F. Mathieux, 15, Av. Bel-Air, Uccle.
St. Nikolaas-Waes: Unueco estas Forteco, S-ro A. De Bosschere, 3, Place de la Régence.
Sclessin: Grupo Esp.: J. Bissot, rue de Trazegnies, 72.
Spa: Soc. Espéranto de Spa, S-ro J. Desonay, Place des Glorieux, 3.
Verviers: Esperantista Grupo, S-ro Joseph Pirnay, 146, Ch. de Heusy.
J. Hérion, rue des Raines, 8.

9a Jaro Nov.-Dec. 1923 No 11-12 (105-106)

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto: FRANS SCHOOFS, 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen, Telefono 4374

Abonoj kaj Monsendoj: FERN. MATHIEUX, 15, Avenue Bel-Air, Uccle, Postĉeko No 399.84.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## Avizo al la Abonantoj

TIU ĈI KAJERO ESTAS LA LASTA DE LA ABONO 1923. NI PETAS NIAJN ABONANTOJN, KE ILI BONVOLU NOTI, KE NI ENSKRIBOS ILIN KIEL ABONANTOJ POR 1924, SE ILI NE ESTOS REZIGNINTAJ SIAN ABONON ANTAŬ LA 1a DUONO DE FEBRUARO PROKSIMA, KAJ KE NI (AŬ LA GRUPO, KIES ANO ILI ESTAS) PREZENTOS LA KVITANCON POR LA JARO 1924 EN LA UNUA DUONO DE FEBRUARO.

BELGA ESPERANTISTO.

## Lokaj Delegitoj de Belga Ligo Esperantista

(Dua nomaro) (*)

HODIMONT (Liége). — S-ro Iwan Dethez, oficisto, Rue de l'Invasion, 21.

HUY (Liége). — S-ro Armand Landenne, Rue St. Domitien, 9.

NAMUR. — F-ino Jeanne Dorsinfang, Direktorino de lernejo, Rue Henri Lemaître, 57.

(*) Vidu B. E. paĝo 101.

## Por la Monumento Zamenhof

Dekunua Listo:

| | |
|---|---|
| S-ro E. Urbach, Antwerpen, | 5.— |
| Antaŭaj listoj: | 991.— |
| Sumo: | Fr. 996.— |

# Blindula Danko

Woodleigh, Shepperton. (Anglujo).
La 14-an de Novembro 1923.

Kara Sro. Schoofs,

Ĝojegon portis al mi via aminda kaj kuraĝiga letero, kaj plezurege mi atestas ricevon de la dua parto de via monkolekto por «Esperanta Ligilo», 300 belgaj frankoj kaj 3451 germanaj markoj. Korege mi dankas vin kaj ĉiun bonfareman leganton de via altŝatinda gazeto pro la gravega kaj multe bezonita donaco! Nia financo ne prosperas nun tiel bone, kiel lastan jaron, ĉar en eĉ pli da landoj la valuto senvaloriĝas, kaj la tieaj legantoj kaj iliaj amikoj tute ne povas monhelpi, kvankam pro la kreskado de nia legantaro ni necese presas ĉiumonate 750 ekzemplerojn, t. e. 75 pli ol antaŭ unu jaro. Tamen, nia kara redaktoro, Harald Thilander en Svedujo kaj nia sprita kaj bonfaranta helpantino, Fino. Melchior en Danujo, interesigis kelkajn blindulajn societojn pri nia afero, kaj grandparte per ilia subteno ni sukcesis pagi la kalkulojn de la unuaj tri jarkvaronoj de ĉi tiu jaro, kaj nun, ho ĝojo! pro la alveno de via donaco kaj aliaj mi riskas esperi ke ni saldos je la jarfino sen ĉerpo el nia rezerveto, kiu restas je £ 120 (ne £ 130, kiel mi erare skribis lastan jaron).

La «Esperanta Ligilo» ĉiam ludas pli kaj pli gravan rolon inter la blinduloj. Dum ĝi daŭre eldonas interesajn literaturaĵojn, belajn poemetojn, kantojn kun muziko, kaj la blindulaferajn sciigojn tiel utilajn kaj kuraĝigajn al blinduloj, kiuj laboras por plibonigi la staton de samsortanoj en ĉiuj landoj, ĝi enkondukas novan trajton en gazetoj por senviduloj, nome, illustraĵojn. Kun prekaŭ ĉiu numero ĝi donas landkarton kun ŝlosiloj, per kiuj oni povas tuj trovi lokojn montritajn, kaj multaj legantoj petegas, ke ilia propra lando estu reprezentata sen prokrasto! Oni donis la planon de la tombo de Tutankhamen, kaj nun komencas serion da naciaj flagoj kun la formo kaj eĉ la koloroj klare indikataj.

Per «Ligilo» oni aranĝis la Trian Blindulan Kongreson en Nürnberg, kie renkontiĝis 92 blindaj Esperantistoj el 13 landoj. Ĉiuj sincere bedaŭris la mankon de niaj belgaj samideanoj! Tamen gravaj aferoj estis tie antaŭenigitaj : la Universala Asocio de Blindaj Esperantistoj (U. A. B. .E), kaj internaciaj asocioj de blindaj komercistoj kaj muzikistoj. Multvaloraj estis la sciigoj interŝanĝitaj; belega la koncerto de niaj Esperantistaj muzikistoj! Inter ĉiuj regis forta sento de amikeco, kaj ĉiuj laŭdis plenkore nian «Ligilon» kaj ĝian karan redaktoron, Harald Thilander, kiu tiel ofereme kaj sprite laboras je la servado de sia tutmonda amikaro.

Mi ĵus legis kortuŝan leteron de grupo de blindaj samideanoj en malprospera lando. «Koregan dankon», ili diras, «al... por lia persista laboro por nia gazeto E. L., ĉar se ĝi ne plu aperus, estingus kun ĝi

la lasta lumo de espero!» Tiel dankas multaj blinduloj tiujn, kiuj per laboro aŭ per monhelpo ebligas la daŭrigon de nia tutmonda kunigilo.

Tre dankeme la via,

W. PERCY MERRICK, Kasisto de « Esperanta Ligilo ».

---

Nia atentigas niajn Belgajn amikojn ke ni daŭre akceptas iliajn oferojn por subteni la klopodojn de niaj blindaj samideanoj.

Ili sendu siajn donacojn al Fr. Schoofs, poŝta ĉekkonto No 284.20, Antwerpen.

# Belga Kroniko

BRUĜO. — Nova kurso komenciĝis la 22an de novembro por 50 gelernantoj. Tiun bonegan rezultaton ni ŝuldas al la senĉesaj klopodoj de F-ino Thooris kaj de S-ro Dervaux, la tieaj sindonemaj Prezidantino kaj Sekretario-profesoro.

Niaj Bruĝaj geamikoj jam de nun vigle propagandas por la venonta kongreso kiu promesas esti tre interesa ne nur por ĝia bona organizado sed ankaŭ pro la vizito al la marbordoj kaj ĉirkaŭaĵo. Ni nur povas inciti la grupestrojn aranĝi ŝparkason inter siaj geanoj por ke ili ĉeestu multnombre la kongreson.

GENTO. — «Genta Grupo Esperantista». — La 7an de novembro Sro. Advokato Paul Mast, malnova samideano, faris tre interesan paroladon kun lumbildoj pri « La Magio ». La granda salonego de «Grand Hôtel Colombophile», nova sidejo de la Genta Grupo, estis plenplena. La parolanto profitis la okazon por propagandi nian aferon je tre sprita maniero.

La 2an de novembro malfermiĝis nova kurso por deko da gelernantoj.

HUY. — De kelka tempo S-ro. Landenne, la tiea malnova samideano malfermis kurson por dudeko da lernantoj. Li ankaŭ akceptis esti Loka Delegito de «Belga Ligo Esperantista». Ni esperu, ke dank' al liaj klopodoj la antaŭe ekzistanta grupo restariĝos.

LOKEREN. — La 5an de aŭgusto la grupo «Durma Stelo» propagandis por Esperanto partoprenante en flora sekvantaro organizita okaze de la loka jara kermeso kaj gajnis premion de 50 frankoj.

La 14an de oktobro nia fervora amiko A. De Bosschere el Sankta Nikolao, malfermis novan kurson por 16 gelernantoj. Bonan sukceson al tiu kurso!

SCLESSIN. — La Liberala Asocio de Sclessin organizis la 22an de Decembro paroladon pri «Esperanto, lingvo helpa internacia», de S-ro Verbruggen, el Lieĝo.

SPA. — De kelkaj semajnoj S-ro Desonay, nia Spa'a propagandisto sukcesis aperigi ĉiusemajnan artikolon pri nia movaro en la ĵurnalo «La Semaine de Spa». Baldaŭ malfermiĝos nova kurso.

# Belga Gazetaro

ANTVERPENO. — «Gazet van Antwerpen», «Handelsblad», «Morgenpost», «Nieuwe Gazet», «Schelde», «Volksgazet», «Echo du Soir", «Lloyd Anversois», «Métropole», «Neptune» publikigis dum Oktobro, Novembro kaj Decembro la sciigojn pri kursoj kaj kunvenoj de la grupo «Verda Stelo», kaj pri la radiofona parolado de S-ro Merchant (Londono). «De Scout» (Okt.): Cito de la Esperanta fako en la Skolta Ekspozicio (25 Dec.): artikolo de Selano pri la neceseco de Esperanto por la vere praktika sukceso de la Skoltaj Jamboreoj (Internaciaj Tendaroj).

BRUĜO. — «Brugsch Handelsblad» (27-10): Anonco pri kurso de la loka grupo; (10-11): taŭga propaganda artikolo pri nia lingvo kaj pri nia en- kaj eksterlanda movado.

«Burgerwelzijn» (27-10): Annonco pri kurso kaj pri la 13a Kongreso. «Journal de Bruges» (21-22-10): Represo el la letero de S-ro Baudet al la franca gazeto «La Liberté»; (28-29-10): anonco pri kurso; (1-11): letero de H. Petiau pri la praktika uzo de Esperanto; (1-2-12): «La Reĝo Emanuelo II kaj Esperanto»; «La Patrie» (27-10): letero de la Bruĝa Grupo pri nova kurso.

«De Volksmacht» (3-11): artikolo pri la agado de la loka grupo. Programo de la Lumbildejo «Vieux Bruges» (12-15-11): reklamo pri kurso.

BRUSELO. — «La Bulgarie» (20-10): Rezolucio de Ligo de Nacioj pri la decido de la Komisiono pri Intelekta Kunlaboro.

«Etoile Belge» 20-10): Anonco pri radiofona parolado de S-ro Merchant (Londono).

«La Police Belge». «De Belgische Politie» (Sept.): dulingva artikoleto pri la internacia organizaĵo de la Esp. Policistoj, kun demando: «Kiam Esperanto eniros ĉe la Belgaj Policistoj? — Ĉu mi ne aŭdas la respondon de la leganto: «Tuj kiam la Belgaj Policistoj malfermos al ĝi la pordon!»

CHARLEROI. — «Journal de Charleroi» (20-10): anonco pri radiofona parolado de S-ro Merchant; (21-10): anonco de nova kurso organizita de la loka grupo en la Universitato de Laboro; (15-11): pri la rezultato de ekzameno pri profesora kaj simpla kapableco.

GENT. — «Gazette van Gent» (12, 19, 26-10; 16-11): diversaj Esperantaj legaĵoj kun flandra traduko; (23-10): flandra teksto de la Deklaracio pri Esperantismo (1905); (31-10; 7, 9-11): tri artikoloj pri la kongresaj paroloj de D-ro Zamenhof; (30-11; 14-12): Unua leciono de Esperanto kun tri partetoj en Esperantoj el la Frazaro de la Belga Turing-Klubo.

«Het Volk» (27-10): Anonco pri la radiofona parolado de S-ro Merchant.

LIEGE. — «Gazette de Liége» (10-11): decido de L. d. N. pri la rezolucio de la Kom. pri Intel. Kunlaboro.

«La Meuse» (18-19-11): Iom fantazia artikolo pri la Lingvo Internacia.

MEĤLENO. — «Gazet van Mechelen» (20-21-10)): pri la radiofona parolado Merchant; (24-10): pri Esperanto ĉe la Policistoj; (16-10): Traduko de porpaganda artikoleto dissendita de la Grupo de Beauvais (Francujo) (14-12): Anonco pri radiofona parolado el Newcastle.

MONS. — «La Province» (6-10): pri la Kom. de Intelekta Kunlaboro.

VERVIERS. — «Le Travail» (10-10): pri parolado de S-ro Haine en la Popoldomo; (18-10) pri Kurso organizata de la Verviersa Komitato por Laborista klerigo.

# Al Vi!

Varmiga sunbrilo radias?
Solece mi marŝas en val';
Rivero fluadas malsupren
Kun akvo el pura kristal'.

Murmuras ŝprucante la akvo,
Saltanta de ŝtono al ŝton'.
Arbaro silente flustradas
Vortetojn de ama kanzon'.

Mi sidas sur herbotapiŝo,
Belega pro suna radi',
Kaj, kiel en fama rakonto
Mi dolĉe revadas al vi.

Kolonjo, la 14-11-23. Juul KARNAS.

# Deziro

Knabego malibera,
En vasta malproksim'
Al feliĉec' sopiras,
Al hejma la anim'.

Sed nun, al kor' vundita,
Nur igas viva lin,
Krom kara patrolando,
La dolĉa amatin'.

Okuloj iam brilis,
Libera estis li;
Kaj vivo estis revo,
Satata melodi'.

Ekvenu, bela tago!
Dum kiu liberplene,
Eksonu sankta hor'!
Pro am' saniĝas kor'!

Kolonjo, la 19an de Novembro 1923a. Juul KARNAS.

# Gratuloj

Edziĝo. — Fino. Marguerite Dielman anino de la Bruĝa Grupo, kun S-ro Charles Tavernier, samideano el Bruĝo.

Ni ekscias ke S-ino Rustin-Van der Biest, fratino de nia karmemora prezidinto de la Ligo S-ro Van der Biest, ricevis la memoran dekoracion de 2a klaso 1914-1918 pro sia granda sindonemo flegante vundintojn kaj malsanulojn dum la milito. Ni prezentas al nia agema Samideanino niajn tutkorajn gratulojn.

Sinjorino Rustin dediĉis al Reĝino belan poeziaĵon pro kiu ŝi ricevis danklеteron de ŝia Reĝina Moŝto.

F-ino Jeanne Verbeeck, unu el la unuatempaj Esperantistinoj en Antverpeno, demetis sian funkcion de Direktorino de la Profesia Lernejo por Fraŭlinoj de la suprenomita urbo, posteno kiun ŝi brile okupis dum pli ol 20 jaroj. Je la komenco de Decembro okazis manifestacio je ŝia honoro organizita de la Lerneja Administraro, la Geprofesoraro, la lernint-kaj lernantinoj. La Reĝo nomis ŝin «kavaliron en la Ordeno de l'Krono». — Ni simpatie salutas nian samideaninon kaj kore gratulas pro la plenmeritita honorigo.

S-ro Oger, nia sindona kunlaboranto en Liége, Kontrolestro de Telegrafo estas nomita Kavaliro en la Ordeno de Leopoldo. — Tutkorajn gratulojn al nia simpatia amiko!

# Kondolencoj

Al nia bonega samideanino F-ino A. Jennen, St. Gilles (Bruselo),)pro la morto de ŝia kara patrino, S-ino V-ino Cl. Jennen-Renkin, okazinta la 7an de Novembro 1923a.

Terura malfeliĉaĵo frapis Esperantistan familion el Bruĝo. Du samideanoj, la fratoj Urbain kaj Willy Van Troostenberghe, sindonemaj anoj de la «Bruĝa Grupo», mortis la 30an de novembro sufokitaj de la lumgasoj. La antaŭan vesperon oni laboris al la instalo de la elektra lumo. Oni malbone fermis la kalkulaparaton. La gaso ellasita dum la nokto sufokis ilin. La malfeliĉa patrino, kiam ŝi iris por veki ilin, trovis siajn du filojn mortintajn! Ni prezentas al la tiel kruele frapita familio kaj al la «Bruĝa Grupo Esperantista» niajn plej sincerajn kondolencajn sentojn.

Nia granda simpatio iras al S-ro kaj S-ino Paul Benoit-Debouck, Oostduinkerke, pro la perdo, je Kristnasko pasinta de ilia kvarjara filineto Julia-Marguerite. La kruele trafitaj gepatroj akceptu la esprimon de nia plej kora partopreno.

# Pledado por la Hundoj kaj la Katoj

## 1e APOLOGIO DE L'HUNDOJ.

Sinjoroj, ĉar, en tia proceso, la moraleco de l'kulpigitoj necese devas influi sur la decido de iliaj juĝistoj, decus memorigi ĉi-tie pri la feliĉaj ecoj kiujn la naturo donacis al la plej interesa duono de niaj defendatoj, sed, se mi konigus la tutan valoron de l'hundoj, ni devus tro ruĝiĝi! Kiu, cetere, ne konas ilian dolĉecon, ilian fidelecon, ilian neŝanceliĝeblan alligitecon? Al kiu mi povus sciigi ke, altiritaj al ni pro sento kiun nia krueleco mem ne prosperas detrui, ili partoprenas tiel multe en niaj malĝojoj kiel en niaj plezuroj; ke ili divenas kaj kunsentas ĉiujn niajn dolorojn, nin protektas dum la danĝero, batalas kaj mortas nin defendante? Ili ne estas, sinjoroj, kiel tiuj malsinceraj amikoj de l'favoraj tagoj, sklavoj de l' sorto kaj ĉiam forlasemaj kiam venas la maloportuneco: bonkorajn martirojn de l'amikeco, oni vidas la hundojn forkuri el la oraj loĝejoj de l' riĉuloj en kiuj oni penas por teni ilin kvazaŭ malliberulojn kaj kie, tiel same kiel tiom da parazitoj, kun ili tiel malmulte egalvalorantaj, ili estus bonege zorgataj, — kaj reiri al la humila, mizera domo de l'malriĉulo, al kiu ili estas alligitaj per ligo fariĝinta nerompebla pro amikeco; kaj tiu malriĉulo, kio do restos al li se vi forigas lian hundon? Tiu mizerulo estas evitata kiel pestulo; ĉiu foriĝas de li, ĉiu forkuras de li kvazaŭ pro abomeno; lia hundo estas la sola estaĵo kiu, en la tuta kreitaĵaro, kompatas je lia mizero, lin konsolas per siaj karesoj kaj ĝin plidolĉigas, partoprenante en ĝi! Kiun lin amos se vi forŝiras de li tiun partoprenanton en lia malfeliĉo?... Sed neniam juĝo maljusta ordonis tiel kruelan disiĝon! Mi parolis al koroj sentemaj: la hundoj venkos en sia proceso.

## 2e APOLOGIO DE L'KATOJ.

La proceso de l'katoj estas, mi tion konfesas, sinjoroj, pli malfacila por pledadi. Oni havas ordinare malbonan opinion pri ilia karaktero kaj iliaj ungoj havigis al ili multajn malamikojn. Sed decus, ke oni estu justa ankaŭ por ili. Se la katoj estas malbonaj, ni mem ne estas tre bonaj! Oni kulpigas ilin je egoismo kaj estas ni kiuj tion al ili riproĉas! Ili estas friponoj: kiu scias ĉu malbonaj ekzemploj ne malbonigis ilin! Ili flatas pro intereso: sed, ĉu vi konas multe da seninteresaj flatantoj? Tamen vi ŝatas, vi naskigas la flatadon! Kial do kulpigi la katojn je io kion, en la homa societo, vi konsideras kiel la plej grandan el ĉiuj meritoj? Mi ĉi-tie ne parolos pri ilia gracieco, nek pri iliaj ĝentilaĵoj. Mi ne pentros al vi tiujn afektaĵetojn, kvazaŭ infanajn, tiun dorson rondigitan, tiun voston flirtantan nek tiom da diversaj agrablaĵoj per kies helpo ili tiel bone sukcesas admoni nin por sia konservado! Pli potencaj motivoj pledas favore je ili!

Se vi detruas la katojn, kiu manĝos la musojn? Certe ne la aŭtoro de l'projekto kiu estas prezentita al vi! Oni parolas pri muskaptiloj!... Muskaptiloj, sinjoroj!... Kiu ne konas ilian nesufiĉecon? Muskaptiloj?! Estas kaptilo kiun oni metas por vi!! Atentu ke vi ne preniĝu en ĝin! De longe la musoj,singardaj, povas ilin eviti! Timu do ke post ne longe la gento trotetanta mordetos senpune ĉiujn librojn el viaj blibliotekoj! Oni je tio konsoliĝus se ili atakus nur tiujn poemojn sengustajn kaj tedajn je kiuj ni estas malĝojigitaj de kelkaj jaroj; sed ilia gusto ne estas tre certa: ili mordetos Racine'on tiel volonte kiel Pradon'on! Kion mi diras? Niaj felietonoj mem kaj niaj pledoj tiel belaj kaj longaj ne estos indulgataj! El tio mi konkludas ke, detrui la katojn estas restarigi la Vandalismon en Francujo!

Sed mi konsentas ke vi malestimu la musojn; pripensu almenaŭ ke malamiko centfoje pli terura vin minacas!... La ratoj, al kiuj la katoj ankaŭ imponas, la ratoj, sinjoroj, embuske subatentas Ili atendas nur la momenton kiam vi estos eldirinta la juĝon fatalan,kiun mia kontraŭparto petas, por ekmiliti kaj eklоĝiĝi en viajn domojn, kiujn vi devige, jes, sinjoroj, devige forlasos al ili! Kaj vi kapablas ankoraŭ ŝanceli?... Katilina staras antaŭ viaj pordoj kaj vi interkonsiliĝas?...

Mi petas vin, sinjoroj, volu senkulpigi ĉi-tiun impetegon: estas malfacile konservi sian kvietecon kiam estas parolate pri ratoj!

---

Tradukita de L. Cogen el la franca originalo de Colnet, franca literaturisto (Mondrepurs 1768 - Paris 1832) kies plena nomo estas Charles-Joseph-Maximilien de Colnet du Ravel, kaj kies ĉefaj literaturaĵoj estas kvarkanta ĝoja poemo titolita «La arto tagmanĝi en urbo, je l'uzo de l' literaturistoj» (1810), sekvita de proza aldono: «Biografio de la aŭtoroj mortintaj pro malsato». Colnet fariĝis librovendisto (1797) kaj ĵurnalisto (1800). La ĵurnalo, kies sola redaktisto estis li, nomiĝis: «Mémoires secrets de la république des lettres ou Journal de l'opposition littéraire».

---

# Infana Logiko

Maljuna pastro vizitis unu el siaj parohaninoj. Tiu ĉi ne estis hejme. La pastro estis akceptita de ŝia fileto okjara, kiu devis do akompani la vizitanton en la salonon. Post kelka hezito li alparolis la pastron.

— Sinjoro pastro, li petis, ĉu vere la bona Dio estas ĉie? — Jesja! — Ĉu ĉie, ĉie? — Evidente! — Li do ankaŭ estas tie ĉi, en la domo? — Sendube! — Do ankaŭ en la salono? — Kiel ĉie! — Tiam, Sinjoro pastro, de la momento, kiam vi ne plu estas sola, mi povas iri ludi. Kaj la knabeto, malfermante la pordon, kuris en la ĝardenon.

Tradukis: M. SOETE.

# Gajiga Alveno

(EL JUSTUS VAN MAURIK).

«Vojon montri!» — «Froti ŝuojn!» — «Le Lion d'or!» — «Hotelo La Suno!» — «Ankaŭ la pakaĵoj, sinjoroj?» — «Fiakron, mi petas!» Ĉio tio interkriiĝas ĉe l' stacidomo kie ambaŭ amikoj alvenis kaj klopodis por forigi de si la diversajn montristojn kaj vendistojn. Fine ili sin trabatalis kaj estas en la strato de la Stacidomo.

«Ventas kvazaŭ uragano!», krias Busman penante teni sian pluvombrelon, al Janssen kiu paŝas antaŭ li.

«Estas besta vetero!» murmuras Jeremias kun la kapo antaŭen sub la pluvombrelo, kaj pli laŭte li aldonas: «Ĉu vi konas la vojon al la ekspozicio, Busman?» Neniu respondo sekvas, ĉar la vento supersiblas liajn vortojn kaj la pluvo bruege falas.

«Ĉu vi scias kien ni iros?» rediras Janssen. Busman nenion aŭdas, ĉar lia tuta atento direktiĝas al lia pluvombrelo kiu provas elstreĉiĝi el liaj manoj.

Ĉu tiu homo estas surda?» pensas Jeremias kaj turnas sin al sia amiko: ho ve! ĉi-tiu movo estas fatala por lia pluvombrelo, ĉar la vento subite enlokiĝas en ĝian kavajon kaj antaŭ ol prosperis al la malfeliĉulo kiu ajn fari, lia pluvombrelo akiris tulipan formon, dum lia ĉapelo furioze ekruliĝas tra la pluvoplenaj stratoj! Senparola pro mirego, Janssens tiras je ĉiuj fortoj al la pluvombrelo, penas ĝin turni por paŝi kontraŭ la vento kaj ekteniĝas tiel strange, ke Busman ne povas plu kontraŭstari kaj subite ekridegas.

«Ne ridu, Busman! Ĉu ne estas sufiĉe mizere? Helpu min plivole!» krias Jeremias duone incitita, duone kolere.

«Mi vere ne kapablas helpi, estas tro komike!» ŝercas la ĉapelvendisto dum li fermas sian pluvombrelon kaj penas, tenante ĝin kaj sian ĉapelon per unu mano, kune kun Janssen, turni la tulipformaĵon. La pluvombrelo kvazaŭ intence decidis senesperigi sian mastron, ĉar, malgraŭ la klopodado, ĝi konservas la tulipan formon.

Feliĉe en la proksimaĵo estas trinkejo, kaj Busman konsilas eniri. Malfacile Jeremias alportas en la ĉambregon la strangforman objekton kies apero ĝojigas ĉiujn gastojn.

La alia intertempe ĉasadis la forkurintan ĉapelon kaj eniras kun la malseka cilindro.

Kelkaj klientoj kaj la servema trinkejmastro kun Janssen ekordigas ree la kontraŭstarantajn vergetojn kaj fine, la tulipo fariĝas plata disko; sed la unuigitaj penoj ne prosperas plien. Ridante iu rimarkigas: «Estas kvazaŭ kuko sur bastono!»

Janssen fariĝas pli kaj pli nervekscitata, ĉar la ridado de l' ĉeestantoj tedas kaj ekkolerigas lin. Ankoraŭ unufoje li kunigas ĉiujn siajn fortojn, tiras per fortego je la glittubeto kaj je la vergetoj, kaj, kun kraka bruo la kuko falas disen kaj Janssens malantaŭen kontraŭ la bufedon.

Busman kolektas la restaĵojn de l'pluvombrelo kaj diras: «Tute al la luno!!» (Nederlanda esprimo: neripareble rompita).

El la Nederlanda lingvo tradukis.

L. COGEN.

N. B. — Justus Van Maurik (Amsterdam 16a de Aug. 1846 — 18 Nov. 1904) estis talentege humora ankaŭ iafoje tre sentoplena literaturisto Nederlanda. Famaj estas liaj noveloj kaj komedioj.

# Revado

Mi turnis dorson al la urbo, al la febraj homoj, al la nigraj stratoj. Kaj la kamparo akceptas min, bonvenigema je malsanuloj, same kiel ĝia tero estas bonvenigema je mortintoj.

Pluvadis, tiun-ĉi posttagmezon, kaj tutlaŭlonge de la landvojo, la malseka sablo krias sub miaj piedoj.

Mi apenaŭ scias, kien kondukas la vojo sekvata de mi, kaj ĉu tiuj blankaj domoj estas malproksimaj. Mi ne returnigas min, ĉar, post tiuj kampoj, la netolerebla Eifel-turo ankoraŭ stariĝas, pri tio mi estas certa. Mi vidas la kamparon, mi sentas ĝin, ĝi ĉirkauas min, ĝi penetras min. Odoro de malseka herbo, tremiĝo de la poploj, balanciĝo de la branĉoj... Sajnas al mi, ke iom post iom ĝi eniras min, ke mi estas en ĝi... Tiuj montetoj, kiujn la falanta vespero malprecizigas, kunmiksiĝantaj je nuboj, vaporoj, fumoj, ĉu ili ne estas la horizontoj de mia penso?

Iomete da vento alportas al mi malproksimajn bruojn, sed distingeblaj: homaj voĉoj, krakado de ĉaroj, unu sonorilego. Mi rekonas ilin: en la malproksima estinteco, infano, mi demandis min, kial tiuj bruoj, ĉe l'tahfinoj, estas solenaj kaj seriozegaj. Kaj nun mi retrovas bodiaŭ tiun majestecon, kaj ne komprenas ĝin.

En Parizo ĉielo estas kaŝata de la domoj. Kvazaŭ unuafoje mi vidas ĝin tie-ĉi. Ĝi estas sen limoj; ĝi elvokas en mi la malprecizajn kaj banalajn pensojn, el kiuj ekzistas la eterna meditado de l'Mondo: Naturo sen kunsento por niaj maltrankviligitaj koroj, la senforta homo sur la tero, la senforta tero en la senlimeco de l'Universo. Apud tiuj senlimaj banalaĵoj, niaj tro precizaj teorioj aspektas etaj kaj senutilaj. Por kio necesas nia malbela aktiveco kvazaŭ-formika kaj kiel kuraĝas tiuj efemeraj kreitaĵoj — homoj — interesiĝi pri siaj etstaj societoj?

Kalvario siluetiĝas sur la ankoraŭ hela ĉielo. Du homoj preterpasas ĝin, sen saluto al ĝi: unu grumblas ian pezan blasfemon. Li estas ebria, li faletas sur la vojego, malbelega bildo de pensanta estaĵo inter tiu senmova kaj serena Naturo.

Je la naŭzo kiun li kaŭzas ĉe mi, mi komprenas ke mi nur estas tro ema, obei la konsilon al indiferenteco de la Naturo. Cetere, ĝi nur diras al ni, tion kion ni bonvolas aŭdi, kaj ĝiaj paroloj estas la senkonsciaj deziroj de nia koro. Do, ni estas respondecaj pri la konsiloj,

kiujn ĝi donas al ni. Ni ne povas akcepti ĝian lecionon pri forgeso kaj gerena egoismo; kaj ni ne rajtus iri al ĝi, se ne por ĉerpi en ĝi novan forton por ankoraŭ ami.

Tradukita el franca lingvo. Iw. D.

# La Valoro de la Vivo

La tuta mondo tremis pro kompato ekkonante la teruran kataklismon kiu, la 1-an de septembro difektis la Japanan Imperion. Longa krio de kompato sciigis al la postvivantoj de tiu ruinego, ke ĉiuj koroj akorde vibras kun iliaj pro identa sento de kompato kaj solidareco. Tiu katastrofo, kiu funebrigas. Japanujon, estas tiel grava, ke la historio de la homaro nek iam konstatis, nek memoras pri io sama.

Japanujo lokita sur malplej fortika porto de la tergloba ŝelo, suferas pli ol alia regiono pro la tertremaj kaj vulkanaj fenomenoj. La laŭjara historio de la lando montras, ke de la jaro 684a de nia tempaĝo la intensaj tertremoj-tiuj kiuj pereigas homojn kaj detruas domojn — okazis po unu fojo ĉiu tridek monatoj kaj ke ĉiu generacio devas timi almenaŭ unu vere katastrofan skuegon.

Tio do signifas, ke regionoj de Japanujo, je difinitaj periodoj, estis detruataj pro skuegoj tute kompareblaj laŭ intenseco al tiu pri kiu ni nun parolas, sed kiuj faris malpli multe da viktimoj, ĉar la lando ne havis tiam grandajn fabrikejojn nek kompaktan loĝantaron.

Pli malfeliĉe ankaŭ estas ke la ĵus okazinta katastrofo okazis en le regiono la plej hompl̥ena de la insularo regiono kiu havas, laŭlonge marbordo de nur kvino da Km, gravajn aglomeriĝojn nome, irante de Sudo Norden, Jokohoma, Kanagawa kaj Tokio sen mencii malpli grandajn urbetojn kiuj kuŝas inter ili.

Kvankam oni povus longe priparoli tiun teruran kataklismon, kiu revoluciigis la gloran kaj pentrindan Nippon, pritrakti la kaŭzojn, kiuj estigis ĝin, ne estas tamen pro tio ke mi de vi petas atenton.

Ĉiuj el vi ja legis, ĉu en ĵurnaloj, ĉu en libroj, klarigojn multe pli kompletajn ol mi povus doni, sed apud tiom da doloro mi deziras ektuŝi la ekziston de konsola faktosigno de la tempoj! — mi aludas la senfinan kompaton, la homamecon, la amemon, la sindonon, unuvorte ĉiujn laŭdindajn sentojn de internacia solidareco, kiujn naskis tiu kataklismo, tiu terurega katastrofo, kiu kune granda parto de la ĉefurbo kaj la plej grava haveno de Japanujo, dronigis tiom da miloj kaj miloj da homaj vivoj!

Ĉu estas la fulmrapideco de la malfeliĉego, ĉu ĝia terura amplekso, la amaso de tiuj abomenaj terurinspirantaj detaloj, kiuj ĉiutage al ni alvenas, aŭ ĉu estas la grava averto de la vanteco kaj de la mallongeco de la vivo kiuj solaj vekis en la universala konscienco, tiun konvulsion de sindonema malĝojo?

Senube iom el tiuj sentoj ekzistas, eble ankaŭ multaj impresitaj cerboj aŭ kortuŝitaj animoj kvazaŭ senkonscie sentis bezonon pagi al la

minacanta fantomo de la morto, al la malfeliĉo frapinta tie kun fulmrapideco, la rajton vivi kaj esti feliĉa.

Ŝajnas tamen ke alia instigilo kunhelpis. Tio kio arde antaŭenĵetis — al ruinoj kaj brulegoj kovrantaj per giganta mortotuko de ŝtonoj kaj fajro la amason da vunditoj kaj mortintoj — tio kio antaŭenĵetis la alilandajn ŝipojn, tio kio el ĉiuj anguloj de Eŭropo kaj Ameriko foririgis vagonojn da nutraĵoj, da medikamentoj, la milionoj, ĵetitaj en la abismon kaj tiu nekalkulebla nombro da kondolencaj deziresprimoj, ĉio tio ĉi ne estas nur la unua movo de malforteco kaj senkuraĝiĝo de timigitaj homoj antaŭ la senlima oferego.

Sento kiu ne plu estas tute nova, kies ekzisto tiuĉiokaze aperis tre elokvente kaj per nepridiskutebla grandeco estas tiu de nova frateco ŝvelanta super landlimoj, iranta de unu lando al alia sen diferenciĝo de patrujoj en sennoma plena samsento. La koro de la mondo batis, je la sama momento per identa bato. Ununura emocio premis tiom da popoloj havantaj vizaĝojn, kredojn, interesojn tute malsamajn kaj estas ĉe tiu gravega fenomeno, ke konvenas halti. Rec en historio de societoj io simila al elektra komunikiĝo, kompleta akordo de spiritoj kaj koroj devigis ĉiujn kune rigardi korpremitajn la nuran vizion: tiun abomenan mortintejon kaj tiujn difektitajn landojn — jen la momenta centro de l'universo! Vere estas, ke neniam la senkatenigitaj fortoj de la naturo amasigis en malpli granda spaco kaj malpli longa tempo pli da funebroj kaj ruinoj, sed estas vere ankaŭ, ke neniam civilizacio estis pli bone preparita por senti unuanime la noblan tremon kiu trafis ĝin. La distancoj mallongiĝas inter la popoloj komuna idealo alproksimigas ilin; ĉie, kune kun la scienco kiu disvastiĝas dissendante sian bonfarantan lumon, la konscienco plimildiĝas kaj klariĝas.

Kio ajn estas, fakto iĝas certa; la kripligon, pro kiu suferas Japanujo, iuj nacioj ankaŭ sentas; ĝia doloro estas tiu de la tuta mondo; kiu indas la nomon homo ,pro emocio tremis. Tio, kio iam ne estus transirinta la malvastan zonon de la imperio mem nun atingis la malplej proksimajn limojn de la tero. Nenio animo, kiu ne estas profunde trafita, kiu ne konscias en New-York tiel efike kiel en Buenos-Ayres, en Parizo kiel en Londono, en Madrid kaj aliloke, ĉe la kvar ekstremaĵoj de la terglobo, la tutsaman senton.

Ĉiuj ni estis trafitaj en nia kulto, nia amo, nia respekto al la homa ekzisto. Ĉiuj ni sentis je ĝia grado la netakseblan valoron de la vivo! Kaj jen denove paŝo antaŭenfarita sur la granda vojo de l'estonteco. Nun ekzistas internaciaj emocioj, opa sento de kompato, universala solidareco.

Tiu marsubakvigo kaj tiu tertremo, kie malaperis miloj da homoj, estas, ĉion konsiderinte, malpli mortigaj, malpli kruelaj ol la lastaj grandaj militoj kaŭzitaj de la tutmonda reciproka nekompreno. La abomeninda malfeliĉego kiu pereigis dum kvar jaroj nekalkuleblan nombron da homaj vivoj, la sanga frenezo kiu interfrapigos tiom da popoloj estas afero ankoraŭ pli terurega!

La nuna arda entuziasmo por plidolĉigi la suferojn de Japanujo certigas ke ekzistas, kaj pli kaj pli graviĝas, nova kaj ĝenerala maniero senti.

La homo komprenas ĉiutage pli klare, ke la vivo de homo, tiu necerta vivo, kiun ĉiupreze la scienco provas prezervi, pli bonigi, pli longigi, estas aĵo multvalora kaj sankta! La spektaklo de la morto sennecesa kaj perforta, la malbelega, malbonega regno de la bruta fortego ribeligas, indignas lin. Se li konscias pro la fatala kataklismo tiun skuon de frateca doloro, ĉu prave oni ne povus esperi, ke en li parolos fine bonsento kaj justeco kiam denove ekstarus la sanga spektro de la milito?

Nenia homa potenco scipovis deturni la tertreman skuegon; kontraŭe — se nur la'l homoj bonvolemaj akordiĝus — nenia homa potenco kapablus senbridigi super la nacioj avidaj je paco, la nedevigan malfeliĉegon...

Ĉu estas tro multe, fidi je la saĝo kaj la sentemo ĉiutage pli kaj pli kreskantaj ilin kredi kapablaj de la sama movo antaŭ la plej gravaj katastrofoj?

Estus vere tro malsprite sindoni kun tiom da grandanimeco por flegi noeviteblajn vundojn, se ni devus montri la saman fervoron por eviti ilin kiam estas eble!

Iam la tempo estos, kiam la forto de la bono, kiu ekzistas en ĉiu homo, estos deturnita de ruinigaj laboroj kaj utilos nur por rekonstruo ĉar, kvankam per malrapidaj paŝoj, tamen sento de justeco eniras pli kaj pli profunde en la socian vivon. El tiu sento naskiĝos la plej nobla homaneco. Estas la tempo ,kiam la grava povo por reciproka amo, kiu kuŝas en ni, ne pli longe estos malbone direktata kaj ofte eĉ ŝanĝata en malamo. Tiam ĉiuj konscios, ke nia tiel mallonga vivo povas iĝi nobla kaj feliĉa nur per unu sento: LA AMO!

Tiuj kiuj sindoneme laboras al la efektivigo de pli bela vivmaniero kalkulas inter siaj vicoj la esperantistojn. Ni ankau aliĝis tiun pacan armeon. Vere ĝi ankoraŭ estas malmultnombra kaj ĝiaj batalantoj havas kiel solajn armilojn: justecon kaj homamecon. Sed ni memoru ke ĉio, kio poste fariĝis granda, komence estis eta kaj malgrava.

Por resti fidelaj al nia devizo ni esperu do kaj fidu: la mondo ne estas nur mizero kaj krueleco — ĉar kiel ni pruvis, vivas en ĝi kompato kaj amo... bedaŭrinde ne jam en ĉiuj animoj ne kiel ĉion regulanta leĝo kaj kiel normala stato — sed tamen kompato kaj amo vivas kaj iam ili estros la tutan homaron.

La estonteco estos al la bono!

(Anino de «Genta Grupo Esperantista»).

---

BONKORECO.

**Patrino:** Volonte mi volas plenumi vian kordeziron, kaj doni al vi mian filinon; mi tamen devas diri ke, per malfeliĉaj spekulacioj, kaj ankaŭ per la morto de mia edzo,mi perdis mian tutan riĉaĵon, tic ke mi nur posedas mian infanon.

**Aspiranto:** (malgaje) Malfeliĉulino! Tiel mi ne povas akcepti la manon de via filino. Mi estus senkorulo, se mi nun volus forŝteli ankaŭ vian lastan bonaĵon.

# Esperanta Radiotelefono

### PAROLADO PRI ĈEĤOSLOVAKUJO EL PRAHA.

Ĵaŭdon la 31an de Jan. 1924, je 6 h. 50, elsendos la radiotelefona societo de Praha el sia stacio «Kbely apud Praha» (ondoj:1150 m. 1 kw.) kvaronhoran Esperantistan paroladon de S-o A. Pitiik, supera komisaro ĉe la komercministerio, pri «Turismaj allogaĵoj ĉeĥoslovakaj»: 1. Praha, «muzeo de la mezepokaj kaj barokaj arkitekturo kaj antikvaĵoj»; 2. Ĉ. sl. mondbanlokoj; 3. Subtera grotaro «Moravia Kras»; 4. Ĉ. sl. Alpoj; 5. Vintraj sportlokoj.

### PAROLADO KAJ KANTADO EL BOURNEMOUTH.

La saman tagon, 31an de Jan., vespere oni dissendos el la Bournemouth'a Radio-Stacio du kantojn kaj mallongan paroladon Esperantlingve. La voksignalo estas 6 BM, ondlingeco 385 m. — Unue kantistino kantos Esperante kaj tuj poste la saman kanton angle. Sekvos mallonga parolado angle pri Esperanto kun salutoj en Esp. al la alilandaj samideanoj. Poste oni kantos alian kanton Esperante kaj angle. Titoloj de la du kantoj: «Dormu, ruĝa suno» kaj «Mia Kamarado». Tuta daŭro: duonhoro. Komenco je la 8a horo 30 cm.

GRAVA PETO. — Ni deziras krei specialan rubrikon pri radiotelefono en nia revuo; tial ni tre petas la gesamideanojn, kiuj aŭskultos kaj aŝdos unu aŭ ambaŭ el ĉi supreciitaj telefonadoj ke ili raportu al ni, kiel eble plej baldaŭ pri ilia enhavo. Ili ankaŭ raportu en Esperanto, por la unua al S-ro A. Pitlik, Praha II, 1999; por la dua, al «The Station Director, 72, Holdenhurst Rd, Bournemouth, Hants, Sud-Anglujo.

# Spritajoj

### ĈIUJ ŜINKOJ DE LA SAMA PORKO.

Antaŭ iu tempo urbanino envenis viandobutikon de vilaĝo por aĉeti ŝinkon.

— «Antaŭ kelkaj semajnoj mi aĉetis ĉi tie du ŝinkojn. Ili estis bonegaj. Ĉu vi povas al mi havigi la samajn?»

— «Ho certe, kara sinjorino,» respondis la servema buĉisto,» ĉi tiuj estas ĉiuj de la sama speco» kaj li montras kelkajn ŝinkojn.

— «Bone, sed ĉu efektive ili estas de la sama porko?» demandas la sinjorino! (Tradukis O. Van Hove).

---

Avo perdis siajn harojn kaj portas perukon.

Knabo: Mi ankaŭ bonvolus havi perukon.

Avo: Sed kial, amiko?

Knabo: Tiam mi ne havus doloron, kiam mia patro tiras miajn harojn. (J. Jacobs.)

# Van Dyck ĉe Frans Hals

de E. J. Potgieter

Frans Hals, (ĉ. 1580—1666) nask. en Antwerpen aŭ Mechelen, mortis en Haarlem, aŭtoro de viglaj portretoj, kun harditaj kolorigoj.

**Antoine Van Dyck (Antwerpen 1599 Blackfriars 1641)** unu el la ĉefaj artistoj de la flandra skolo.

**E. J. Potgieter** naskiĝis en Zwolle dum 1808. Ricevinte komercan edukadon, li komercis en Antwerpen de 1826 ĝis 1830. En la jaro 1837 li fondis la revuon «De Gids». (La Gvidanto), kiun li redaktis 1869. Li mortis en 1879. Potgieter estas neforgesebla figuro el la literaturo de la XIXa jarcento. Kun li komenciĝas nova episodo, tempo de batalo kontraŭ la malbonstilo, de serioza klopodado al plialtigo de la nacia literaturo kiel tiu de la XVIIa jarcento kiun Potgieter ŝategis. Li havas tre personan skribstilon, pri kiu oni plej ĝuas post iuj penoj kaj rezonado.

* * *

— «Ĉu Sinjoro Hals estas hejme?» demandis per ia stranga akcento ĉarma viro, kiu vidis antaŭ si Klaartje, la filinon de la famkonata pentristo Frans Hals, kiam ŝi estis malferminta la pordon?

— «Ĉu Sinjoro Hals estas hejme?»

— «Se Via Moŝto,» respondis la knabino, ĉar de la unua alrigardo ŝi estis rimarkinta la belegajn vestaĵojn de la vojaĝanto;

— «Se Via Moŝto volas atendi momenton...?»

— «Estu tiel bona voki vian patron,» respondis la vizitanto. «Mi deziras esti pentrita de S-ro Hals,» li aldonis; «mi nur disponas je du horoj.» Duonkonfuzita, Klaartje intencis konduki lin en ĉambron kaj prezenti al li seĝon. «Ĉu mi ne vidas tie la laborejon?» demandis la fremdulo; «konduku min tien, mi estas artamanto.»

Post kelkaj minutoj Frans Hals aperis en la laborejo; li estis iomete ebria, kio okazis de tempo al tempo, kaj ne ĝenante sin pri la rimarkindeco de la atendanta vizitanto, li, je la enveno, deprenis sian ĉapelon kaj ĝin ĵetis, laŭ trinkemula maniero, al la plafono.

«Kion vi deziras, Sinjoro?» li demandis kun komika kvieteco, ĉar la vojaĝanto, deprenante sian ĉapelon ornamitan per plumoj, nevole impresis lin pro sia seriozeco. Tiu ĉi, post komplimento, esprimis la deziron havi sian portreton pentritan de tiel fama majstro.

— «Fama! diras Via Moŝto,» respondis Hals, «Sed, je kio fameco helpas? Se la arto almenaŭ riĉigus! Ĉio kion ĝi al mi ebligas estas: ke mi ne mortu pro nesufiĉeco. Eble estas ankoraŭ plej bone por mi tiel, ĉar la kaliko ne forlasus miajn lipojn kaj la triktrako ne mian manon, se mi estus tiel riĉa kiel Rubens». Kaj malmilda ekrido sonis tra la pentrejo, la malfeliĉa Klaartje forviŝis larmon el siaj okuloj per sia antaŭtuko.

— «Mi ne scias kiu vi estas, Sinjoro?» diris Hals post momento, dum li ekpentris; «sed al vi restos malmulte da ŝanco iĝi senmorta, se vi al mi nur lasas du horojn por pentri vin.»

— «Se via peniko vivigas min estas nur donita sed ne akirita senmorteco, S-ro Hals!» estis la respondo.

— «Mi forvetas mian plej bonan pentraĵon, ke vi dum via vivo faris ion pli gravan ol depreni vian ĉapelon kaj genufleksi, kiom eminenta vi ja aspektas», diris Hals malkaŝe, «kaj tamen vi ne aspektas lupkruela kiel militisto nek vulpruza kiel ŝtatisto.

La fremdulo ridis. «Almenaŭ mi ne posedas la senpaciencon de la unua.»

— «Nek la okulumon de la dua», aldonis la pentristo.» Sed baldaŭ mi finos; nun mi devas ankoraŭ doni al ĝi la karakterizan econ de la majstro.»

Kelkaj korektoj, kies sekreto ne estas lernata, kaj Frans Hals ekstariĝis kaj petis al la fremdulo vidi, ĉu li estis bonverkinta.

— «Brave Majstro!» ekkriis la eminenta vizitanto; «se mi konus la arton kiel vi, post unu jaro mi estus riĉa.»

— «Lernu ĝin,» diris la majstro, «demetu la belajn vestaĵojn, forjetu tiujn puntajn krispaĵojn...»

— «Kial ne?» interrompis la fremdulo; «kiu scias kion mi estas lerninta alrigardante vian laboradon? Estas via vico, mi petas sidiĝu».

— Ĉu estus komika kunfrato de la gildo? aŭ amatoro, kiu, malgraŭ sia seriozega mieno, estus ŝercema?» pensis Hals, dum li interŝanĝis la lokon kun la fremdulo, kiu prenis paletron kaj penikojn. Sed ne, li ne estas artistaĉo: tiu miriga facilmoveco kontraŭ kiu la sia apenaŭ povis konkuri, tiu teniĝo kiu atestis pri majstreco, tiu ruĝiĝo reapertinta sur la vangoj, tiu artista sento parolanta el liaj ege malfermitaj okuloj? Frans Hals apenaŭ tion vidis kaj tuj li tion ŝatis; li volis restariĝi. «Fi! Havu tiom da pacienco kiel mi» ekkriis la fremdulo; mi neniam vidigas mian laboron antaŭ ol ĝi estas finita, pli ĝustadire, laboron de alia speco».

Post kvaronhora laborado, Frans Hals estis siavice petata veni antaŭ la pentraĵostablo. Sed, se la eminenta vizitanto estis admirinta lian verkon, pro mirego kaj surprizo la majstro nun ne povis elparoli unu vorton. Li rigardis la supozitan nobelujon, paliĝis kaj tuj poste ekkriis kun pasia raviteco: «Vi estas Van Dyck, Sinjoro! vi estas Van Dyck; neniu en la mondo povas tiel labori kiel vi, kaj ankoraŭ malpli pliboniĝi la laboron! Superplena je entuziasmo, Frans Hals ĉirkaŭbrakis la kolon de sia vizitanto kaj kisis lin laŭtege. Sonis kara komuneco, jes, sed ankaŭ respekta admiro el tiu kiso; kaj Anton Van Dyck, la favorato de Karolo la unua, kiu jam ĉe la ŝtata kaj belega kortego estis trovinta la mondon, kiun lia genio deziris, ne forrifuzis ĝin.

Tradukis el Flandra teksto F-ino Eugénie Colijn.

---

Servistino: Profesoro, iu sinjoro estas ĉe la telefono por paroli kun vi.

Profesoro: Tuj mi venas, konduku lin jam en la antaŭĉambron.

(M. Dirickx.)

# Grava Debato

EL « LA BALOTA SOCIETO EL STELLENDIJK »

DE LODEWIJK MULDER (1)

(Unua sceno de la dua akto).

La tri membroj de la societo: La politika Kompasmontrilo estas kunvenintaj por elekti kandidaton por la balotelekto de parlamentano. Valburg varme rekomendis la kandidatecon de sia amiko, Sinjoro Johannes Lansing. Tiu propono estas obstine kontraŭbatalita de Haspelstok, kiu siavice volas preferigi alian kandidaton, nevon de li, Sinjoron Piet van den Dijl, fabrikanto de lignaj kruroj kaj artefaritaj brakoj, ĉe kiu li la hieraŭan tagon tagmanĝis. Tio kaŭzas la sekvantan diskuton:

SCHOR (prezidanto). — La propono de sinjoro Haspelstok estas skribe prezentita kaj estas do priparolebla temo. Ĉu estas iu, kiu deziras pri tio la parolon?

VALBURG. — Mi petas la parolon, sinjoro prezidanto.

SCHOR. — Sinjoro Valburg havas la parolvicon.

VALBURG. — Mi petis la parolon, sinjoro prezidanto, por kontraŭbatali per ĉiu forto, kiu estas en mi, la proponon de la parolinto kaj la kandidatecon, kiun li prezentis. Ni ne deziras tiucele sekvi lian ĵusan ekzemplon, per kiu li subkomprenigis, ke mi rekomendis sinjoron Lansing, ĉar li estas mia amiko; mi do ne deziras paroli pri la parenceca grado, kiu ekzistas inter sinjoro Haspelstok kaj lia kandidato. Van den Dijl estas mia nevo, li diris kiel rekomenda kialo! Mi povus demandi: kien tio kondukos nin? Mi povus atentigi pri la plej cinika nepotismo, kiu estas en tiuj malmultaj vortoj: la kandidato estas mia nevo! Mi povus demandi al sinjoro Haspelstok, ĉu li do forgesis, ke nia glororiĉa respubliko dum la antaŭa jarcento pereis per nepotismo.

HASPELSTOK. — Se mi iam sciis ĝin, mi tiam certe tion forgesis.

VALBURG. — Mi denove diras: kien tio kondukos nin? Al nepotismigita parlamento. Se neesperebla iam tio okazus, zorgu ni tiam almenaŭ, ke nia « Politika Kompasmontrilo » neniam montris tiun direkton. (Li trinkis gorĝon da akvo). Sed mi ripetas, mi ne deziras paroli pri tio. Mi ankaŭ ne deziras atentigi pri la dua konfeso pri tiu kandidato, pri la paroloj de nia estimata samsocietano: « mi hieraŭ tagmanĝis ĉe li»! Mi ne volas turni vian atenton al la kaŭza interrilateco inter tiu hieraŭa tagmanĝo kaj ĉi-tiu voĉdonado. Mi ne deziras ekzameni, ĉu la dua ne estas la logika sekvo de la unua afero. (Li trinkas). ......

(1) **Lodewijk Mulder** naskiĝis en 1822a en Den Haag, kie li mortis en 1906a. Mulder sukcesis en ĉiuj literaturaj fakoj: li skribis humoristikajn kaj historiajn verkojn, sed akiris sian plej grandan sukceson per la sprita komedio « **La Balota Societo el Stellendijk**», satiro pri la ridindaĵoj de politikaj societoj.

HASPELSTOK (aparte). — Mi trovas, ke estas multo, kiun li ne deziras diri, sed... li tamen diras ĝin. Kaj kion li sentas kontraŭ Van den Dijl, tion mi ne komprenas.

VALBURG. — Ĉion ĉi tion mi silente preterpasas, sinjoro prezidanto, sed mi venas al la ĉefa afero, al la cardo questionis (2).

HASPELSTOK. — Nun mi eble ekkomprenos ĝin.

VALBURG. — Kiu estas la kandidato proponita de sinjoro Haspelstok? Mi eĉ silentas pri lia kapableco, pri lia politika saĝeco, pri lia honesteco, sed mi traktos pri lia pozicio. Kio estas li? Ĉu la estimata parolinto bone pripensis tion, kiam li rekomendis tiun kandidaton? Fabrikanto de lignaj kruroj kaj artefaritaj brakoj! Kaj tio en tempo, kiam la militaj budĝetoj ĉiam pli kaj pli altiĝas, en tempo, kiam ĉiuflanke malhelaj nuboj amasiĝas al la politika horizonto! Kaj ĉu do en tempo, kiam la plej alta utilo por la patrujo kuŝas en la konservo de la paco, ĉu tiam la « Politika Kompasmontrilo » delegus al la parlamento iun, kiu kompreneble havas la plej grandan intereson en kiel eble plej granda bezono de lignaj kruroj kaj artefaritaj brakoj? Por tio mi neniam voĉdonos, sinjoro prezidanto. Male, tion mi per tuta forto kontraŭstaras. Fine mi devas ankoraŭ diri tion ĉi: mi opinias, ke krom tio, tiu elekto estus tute senutila, ĉar sinjoro van den Dijl havas, kiel ni ĉiuj scias, tro multe da laboro en sia fabrikejo, por ke li iam intencus akcepti membrecon de la parlamento. Mi do deklaras min, pro tiuj ambaŭ kialoj, serioze kontraŭ lia kandidateco.

HASPELSTOK. — Sinjoro Schor, mi ja povus diri ion kontraŭ tio.

SCHOR. — Ĉu vi deziras ion diri, sinjoro Haspelstok? tiam mi donas al vi la parolvicon.

HASPELSTOK. — Jes, jen: la sinjoro diris, se mi bone komprenis, ke mia nevo van den Dijl ne taŭgus, ĉar li pro sia negoco estus ja ĉiam favora al milito, ĉar li profitus ke kiom eble plej multaj estus mortpafitaj — aŭ ne, tio ne utilas — sed ke kiom eble plej multaj estus vunditaj. Sed sinjoro, tio ankaŭ same utilus por la kuracistoj, kaj mi ja iam aŭdis, ke pli ol unu kuracisto estas parlamentano — kaj mi neniam aŭdis, ke tiuj estas tiom militemaj. Kaj eble estas ja hirurgiisto inter ili, kaj mi devas sincere konfesi al vi, ke miaflanke mi ne ekvidas grandan diferencon inter hirurgiisto kaj fabrikanto de lignaj kruroj kaj artefaritaj brakoj. Nur tiun ĉi, ke la unu detranĉas la krurojn kaj la alia alligas ilin. Kaj poste: Sinjoro Valburg diris: van den Dijl neniam akceptos; sed tiam li scias, kun permeso dirota, nenion pri la afero. Tio estas io, kion mi ja pli bone scias, kaj kion mi certe scias, kaj mi diros al vi kial mi tion scias. Li mem diris ĝin al mi — pli precize vi ne povas esti informataj. Hieraŭ post la manĝo ni hazarde ekparolis pri la balota societo kaj ke mi iros tien por elekti parlamentanon. Kaj kiam ni estis longtempe babilintaj pri tio, li subite diris: Sed, Jan, vi ja povus havigi al mi tiun profitan okupon. Ĉu vi deziras tion, Piet, mi diris al li. — Sed tute certe mi deziras tion, li diris. Vi komprenas, kian efekton tio farus sur miaj leteroj kaj vizitkartetoj: P. van den Dijl, parlamentano, fabrikanto de ortopediaj artefaritaj kruroj...

---

(2) La nodo de l' afero.

Mia firmo tuj iĝus konata en la tuta lando. Jen aŭskultu, li poste diris, mi deziras ion diri al vi, se vi sukcesas atingigi min al tio, tiam mi promesas al vi, kompense de tio, la plej belan sortimenton, kiu iam eliris el mia fabrikejo, se iam okazus al vi, ke vi rompus unu aŭ pli da kruroj. — Mi nun demandas al la sinjoroj, ĉu tio estas klara, kaj ĉu oni povas dubi, ke mia nevo van den Dijl akceptos? Kaj pro tio mi ja certe promesis al li, ke mi ne voĉdonos por aliulo krom por li, kaj ke mi ankaŭ rekomendos lin kiel eble plej - jen!

VALBURG. — Sinjoro prezidanto, mi petas la parolon.

SCHOR. — Se iu en ĉi tiu kunveno kontraŭstaras, ke sinjoro Valburg denove parolos pri la sama temo... Neniu? Tiam sinjoro Valburg havas la parolvicon.

VALBURG. — Sinjoro prezidanto, se iam montriĝis, ke sinjoro Haspelstok ne estas juristo, estis certe je ĉi tiu okazo, — ĉar alie li estus kompreninta, ke li per la brilanta ĵusa improvizo tute malebligis la kandidatecon de sinjoro van den Dijl, — ne nur por nun, sed por ĉiam — por eterne! Ĉar tiam li estus koninta la leĝon, kaj certe la leĝon de l' leĝoj: nian konstitucion. Kaj kion diras par. 83 de la konstitucio? (Li malfermas leĝlibreton). Se la membroj de la parlamento devas ĵuri, ke ili (li legas) «por iĝi ano de parlamento, senpere aŭ pere, ne al personoj, per kia ajn nomo aŭ pretekste, promesis monajn aŭ aliajn donacojn». Jen la nedubigaj vortoj de la leĝo, kaj kio estas nun la fakto, Tio: ke sinjoro van den Dijl senpere, al persono, nunokaze al sia kuzo Haspelstok — per nomo — nunokaze per la nomo de ligna kruro — kaj per pretekste — la pretekste nome, ke la nomita sinjoro Haspelstok unue rompus unu el siaj kruroj — promesis donacon. Oni rimarkas ĝin, ĉiuj atestaĵoj estas ĉe la proceso, kaj nun mi demandas, kia estus la konduto de sinjoro van den Dijl — se li nome ne dezirus iĝi ĵurrompanto — se li estus invitota por ĵuri tion, lokita kiel li estas inter tiuj diversaj lignaj kaj konjektite rompitaj kruroj!

HASPELSTOK. — Tio estas stranga. — Ĉu tio staras en la konstitucio?

VALBURG. — En la konstitucio de 1848. Jen (Li transdonas al li la libreton) legu mem, paragrafon 83a: «Je la akcepto de sia ofico k. t. p.».

(Haspelstok legas).

VALBURG (aparte). — Tion mi feliĉe preterpasis. Tria kandidato neestas, kaj do - mia amiko Lansing povas estis certa pri sia ofico en la parlamento.

HASPELSTOK (post legado). — Sed — kun via permeso, sinjoro; mi rimarkas, almenaŭ se mi bone legas, ke tiu konstitucia peceto tute ne malhelpas mian kuzon van den Dijl.

VALBURG. — Kio? ĉu ne malhelpos?...

HASPELSTOK. — Tute ne. Jen rigardu. Kio staras tie? Li devos ĵuri, ke li nenion promesis al personoj. Tion li ja ne faris; li promesis ĝin nur al mi, neniu povas diri, ke mi estas personoj. Al unu persono vi povis ĉion promesi. Se starus: al neniu persono — tiam estus alie.

SCHOR kaj VALBURG (ambaŭ terure eksaltante). — Kio! Kiel! Kio

staras tie? Montru! — la frazon — la tekston — (ili legas kune en la libreto kaj poste rigardas silente unu la alian).

SCHOR. — Li estas prava!

VALBURG. — Prava estas li!

SCHOR. — Staras tie!

VALBURG. — Staras tie!

SCHOR. — Kia delikateco de leĝa signifklarigo! (al Haspelstok) Ĉu vi vere ne estas juristo, sinjoro?

VALBURG. — Mi komencas dubi pri ĝi.

SCHOR. — Kaj tion eĉ Thorbecke (3) ne rimarkis.

VALBURG. — Mirige!

SCHOR. — Mirige!

VALBURG. — La konstitucio devas esti revidata!

SCHOR. — Kaj novaj balotelektoj devas okazi por ambaŭ ĉambroj!

HASPELSTOK. — Do, sinjoro Schor, estas ankaŭ via opinio, ke tiu paragrafo ne malhelpos mian kuzon van den Dijl iĝi parlamentanon? Eĉ se li donacus al mi lignan kruron?

SCHOR. — Sinjoro Haspelstok — ni bone distingu. Kiel ni nun legas tiujn vortojn ne. Sed pripensu ja, ke aliaj povas klarigi ĝin alimaniere.

HASPELSTOK. — Sed tion mi ne komprenos.

SCHOR. — Ne forgesu, ke eble la plimulto el la parlamentanoj, kiuj devas decidi pri ĝi, estas juristoj, kaj pri tio, kion kvindek juristoj (mi mem estas juristo) povas legi en unu linio da skribo — sinjoro Haspelstok, pri tio vi ne havas ideon... ĉar vi ne estas juristo.

HASPELSTOK. — Nun mi ekkomprenas ĝin.

SCHOR. — Ĉiaokaze ili kaŭzus malagrablaĵon al sinjoro van den Dijl.

HASPELSTOK. — Ĉu ĉiaokaze malagrablaĵon? kaj mi deziris esti agrabla al li. Mi ja ne plu scias, kion fari. Mia kapo tiom turniĝas, ke mi ekdezirus, ke mi neniam estus okupinta min pri politiko. — Malagrablaĵon?... jes, jen, — rompĵuro, tio estas vere ne bagatelo — kaj mi... mi ne deziras endanĝerigi miajn amikojn. Nu, ne estas mia kulpo; mi — mi nenion plu povas diri pri ĝi. — Mi nenion reprenas de kio mi diris: vi, sinjoroj, nun scias kia estas mia opinio. Mi nun ne kuraĝos voĉdoni por li, sed mi promesis al li, ke mi ne voĉdonos por aliulo krom li, kaj mi ĉiam plenumas mian promeson. Do... nu, mi faris kion mi povis kaj nun ni nur vidu kio okazos.

SCHOR. — Ĉu estas ankoraŭ iu, kiu deziras pri tiu temo la parolvicon? se ne... (li frapas per la martelo) mi fermas la interkonsiliĝon kaj ni pasos al la voĉdonado. (Li disdonas la balotilojn). Ĉu mi povas peti al la membroj de la Preĝeja Strato kaj la Tritika Placo ke ili starigu la komisionon pri balotkalkulo.

VALBURG. — Tre volonte (al Haspelstok, kiu deziras demandi ion). Malzorgu pri tio. — Tio iros facile.

(Valburg prenas folion da papero, inkujon kaj plumojn, kaj eksi-

(3) Fama nederlanda politikisto kaj juristo.

das kun Haspelstok apud la malgranda tableto. Poste li ĉirkaŭiras kun ĉapelo kaj kolektas la balotilojn, denove eksidas, ŝutas la enhavon de la ĉapelo sur la tableton kaj atente rigardas, ĉu neniu papereto restis en ĝi).

(Al Haspelstok) Ĉu vi volas legi la nomojn, mi notos.

HASPELSTOK. (malfermas la unuan balotilon kaj rigardas ĝin ĉiuflanke). — Nenio estas sur ĝi.

VALBURG (skribas). — Unu blanka bileto.

HASPELSTOK (malfermas la duan). — Nenio ankaŭ estas sur ĝi.

VALBURG. —Kion? (Li prenas la bileton kaj ankaŭ rigardas al ĝi). Ankoraŭ unu blanka bileto (li skribas) (Aparte) Nun povas ja malboniĝi por Lansing.

HASPELSTOK (malfermas la trian. — (Legas) Aliĝas al la plimulto.

VALBURG. — Kio estas tio?

HASPELSTOK (legas). — Aliĝas al la plimulto.

VALBURG. — La plimulto? La plimulto de nenio! Sub kia rubriko mi devas noti tion? — Nu, mi skribos ĝin en la raporton kiel estas. (Li skribas) (Ili ekstaras kaj denove iras al la granda tablo).

Sinjoro prezidanto, kiel rezulto de la balotado mi povas komuniki al vi, ke en la urno estis trovitaj tri balotiloj, el kiu, du blankaj, kaj unu voĉo por la plimulto.

SCHOR. — Mi dankas sinjorojn balotkalkulintajn, pro la kaŭzita peno kaj la farita raporto, kaj havas la honoron sciigi al la kunveno, ke estis trovitaj en la urno tri balotilojn, ke tiu nombro akordiĝis kun la nombro de voĉrajtaj membroj, ke el tiuj balotiloj estis du blankaj kaj unu aliĝanta al la plimulto, do ankaŭ blanka. Konsekvence neniu estas elektita kiel kandidato de «la Politika Kompasmontrilo».

El la nederlanda tradukis:
Jan VAN SCHOOR,

# Pensoj de l'Rusa popola Verkisto D. W. Grigorowitsch

## (1822—1900)

— Se vi nomas iun porko, estas la demando scii ĉu vi ne kalumniis la porkojn.

— La petolaĵo je kiu oni ridas en teatro estas ofte tragedio en la vivo.

— Oni devas esti singarda okaze de elekto de intima amiko: Cezaro havis nur unu amikon: Brutus! (Kiu mortigis lin! — Noto de l'tradukinto).

— La vivo estas malsano, la mondo, malsanulejo, la morto, kuracisto.

Tradukis laŭ franca teksto. L. COGEN.

# Diversaj Informoj

### ESPERANTO ĈE LA INTERNACIA SPIRITISTA KONGRESO EN LIEGE.

Ĉe tiu Kongreso, kiu okazis la 26/29an de aŭgusto, S-ro Coninckx (Antverpeno) kaj niaj samideanoj Perwez (Sclessin) kaj Thiébault (Lyon), prezentis raporton pri la uzo de Esperanto en la internaciaj kongresoj. — Sekve de tiu raporto la Internacia Oficejo por Spiritismo (Paris) enskribis en la studprogramon la demandon pri Esperanto. — Krom tio la ĝenerala kunsido esprimis deziron, ke nia lingvo estu instruata al ĉiuj grupdirektoroj, kiuj poste devos instrui aŭ instruigi ĝin ĉe siaj grupoj.

### LA INTERNACIO KATOLIKA

(organo: «Katolika mondo») sciigas al ni, ke ĝia delegito en Antverpeno estas: S-o J. Van Gulck, Lange Leemstraat 314, Antwerpen.

### ESPERANTA EKSPOZICIO EN DORDRECHT.

Sinjoroj Roubos kaj Nelson, du bonegaj samideanoj el Dordrecht organizis en la Salono de la kontorista ligo «Mercurius» esperantan ekspozicion kiu okazis la 17an de novembro 1923. La celo estis montri la gravecon, akiritan en la mondo, de nia lingvo kaj inciti la vizitantojn enskribi sin kiel lernantoj de la kurso pri nia lingvo donota de la Dordrehta Esperantista klubo «Tra la Mondo». Kvankam iom rapide organizita la ekspozicio bone sukcesis, dank'al la klopodado de niaj du Amikoj. Inter la multenombraj dokumentoj elmetitaj ni citu Belgan Esperantiston kaj diversajn broŝurojn pri la Aŭtonoma Muziknotado.

Diversaj personoj enskribigis sin por la kurso, kaj Sinjoroj Roubos kaj Nelson jam preparas novan ekspozicion kiu okazos dum decembro.

# Bibliografio

UNU PAĜO EN MIA LERNEJA VIVO, de Vasili Eroŝenko. Ĉe la Redaktoro S. Ren, Taihoku, Formoso, Azio. 16 paĝoj 16,5 x 12,5 cm. Prezo: 2 respondkuponojn.

EKZILO, de Aleksy Rzewski. El la Pola originalo tradukis. K. Domoslawski. Eldonis Laborista Librejo. (Ksiegarnia Robotnicza). Warszawa-Lublin, 1922. 60 paĝoj, 17 x 12,5 cm. Prezo: Svis. Fr. 0.50.

ONI RIDAS, de Otto Rieck. Rekomendita de Esperantista Literatura Asocio. Reviziita de Zanoni. Eldonis Butin & Jung, Godesberg, Germanlando, 1922. 68 paĝoj 18 x 12 cm. Prezo: nemontrita.

Ampleksa kolekto de spritaj anekdotoj. Aĉetu la libreton kaj konsultu ĝin ĉiufoje kiam vi estos en malgaja humoro. Kun la aŭtoro ni diras: «Kiu ridas, eltiras najlon el sia ĉerko»!

TAGLIBRO DE VILAĜ-PEDELO de St. St. Blicher. Tradukis H. J. Bulthuis, LK. Rekomendita de Esperantista Literatura. Eldonis Butin & Jung, Godesberg, Germanlando, 1922. 48 paĝoj, 19 x 12 cm. Prezo: Fr. 0.60, aĉetebla ĉe B. E. Aparta eldono de la verketo aperinta kiel literatura eldono al «Esperanto Triumforta».

14a BRITA ESPERANTA KONGRESO. — Bournemouth, Pentekosto, 18an ĝis 22a de Majo 1923. 52 paĝoj, 18,5 x 12,5 cm. Prezo 1 ŝ. Bela, ilustrita kongreslibro, sur luksa papero presita.

LA OFICIALA RADIKARO, de Eugen Wüster, kun enkonduko kaj notoj. Eldonis Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden. 80 paĝoj 10,5 x 16 cm. Prezo: Fr. 3. — Tre interesa libreto pri la elementoj de la «Radikaro» kaj pri la vortkonstruo en Esperanto. Rekomendinda por ĉiu esperantisto, kiu deziras ĝisfunde pristudi nian lingvon.

SAMOUCZEK, lernolibro por Poloj, de L. Kronenberg. Tria eldono. Eldonita: Bydgoszcz, 1923. 52 paĝoj, 16 x 12 cm. Prezo: ?

GRAMATIKO, EKZERCOJ KAJ HISTORIO DE LA HELPLINGVO ESPERANTO, en greka lingvo, de D-ro Anakreon A. Stamatiadis. Eldonita en Konstantinopolo, 1923. 100 paĝoj 14 x 20 cm. Prezo: Fr. 5.—. Ampleksa gramatiko kun multaj ekzercoj kaj detaloj pri historio, institucioj kaj universalaj kongresoj de Esperanto. Belege eldonita kun portretoj de D-ro Zamenhof kaj S-ro Th. Cart, prezidanto de la Akademio.

DEUTSCH-ESPERANTO WORTERBUCH, de P. Christaller. Dua eldono. Eldonis Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, G. m. b. H., Berlin & Dresden, 1923. 660 paĝoj, 16 x 11 cm. Prezo; Svis. Fr. 12..

Kun intereso plej granda tiu nova eldono de la vortaro Germana-Esperanta estis atendita de la germanlingvaj esperantistoj. La produktito laboro certe respondas, — se ne superas —, la atendon de eĉ la plej postulema el ili. Plej bone tiu vortaro estas komparebla kun tiu, en nia lando multe konata verko de Grosjean-Maupin. Ĝi ne nur montras la tradukon de vortoj, sed donas tiun tradukon laŭ la diversaj sencoj de tiuj vortoj en la nacia lingvo, kaj aldonas esperantigon de riĉa kolekto da germanaj esprimoj.

Multfoje mi jam aŭdis ke grandaj vortaroj ne estas necesaj en Esperanto, ke la Esperantistoj povas mem konstrui la esperantan tradukon logikan de siaj nacilingvaj esprimoj. Se tiu diro estas vera por la «bonaj esperantistoj» kiuj ne timas kelkan klopodon, kaj se tiu diro estas vera por la vortaroj Esperanto-nacilingvon, mi tamen opinias, ke la plimulto da Esperantistoj estas adeptoj de la teorio «de la plej malgranda streĉiĝo», kaj ke tial estas do necese plifaciligi ilian laboron kaj prepari por ili la materialon.

Kaj tial mi opinias ke ĉiu kiu faros verkon, kian kunmetis S-roj Grosjean-Maupin kaj Christaller faros la plej gravan servon al Esperantomovado en sia lingva teritorio. S-ro Christaller ricevos sendube la dankon de ĉiuj germanlingvaj esperantistoj kaj meritas sinceran gratulon de la tutmonda samideanaro. Eldonistoj kaj presistoj estu same gratulataj pro la belega laboraĵo kiun ili produktis!

LIBRO DE LA Xa KONGRESO DE KATALUNA ESPERANTISTA FEDERACIO. Manresa 1-2-3 Aprilo 1923. Bele ilustrita broŝuro. 90 paĝoj, 19 x 13,5 cm. Prezo: ?

Ni gratulas niajn katalunajn samideanojn pro tiu bela libreto kiu atestas pri la serioseco de iliaj organizaj klopodoj.

DU KOKCINELOJ, LA MONTRO, de Geza Gardonyi. El la Hungara originalo tradukis K. De Kalocsay. Rekomendita de Esperantista Literatura Asocio. Eldonita de «Per Esperanto al la tuta Mondo», Budapest, VI Hajos str. 15, II. 1923, 32 paĝoj, 14,5 x 11 cm. Prezo: Fr. 0.60. Du pliaj specimenoj el la hungara literaturo.

LA PAĜIO DE L'REĜINO, unuakta komedio de Eŭgeno Heltai-Emilo Makai. El la Hungara literaturo tradukis D-ro K. Kolomano De Kalocsay. Rekomendita de la Esperantista Literatura Asocio. Eldonis «Per Esperanto al la tuta Mondo», Budapest, VI, Hajos str. 15, II, 1922. 32 paĝoj, 15 x 11 cm. Prezo: Fr. 0.60.

Bonega verkita komedieto. Ludebla ĉe grupaj festoj. Pri la traduko mi ne parolas; rigardu nur, kiu ĝin faris!

ZAMENHOF ET L'UNITE HUMAINE, de Edm. Privat, Docteur ès Lettres, Privat-Docent à l'Université de Genève. Eldonis «Librairie Centrale Espérantiste, 56, rue de Clichy, Paris, 1922. 28 paĝoj, 18 x 12 cm. Prezo: Fr. 1.20.

Parolado farita en la «Ateneo de Genève» sub la aŭspicioj de la revuo «Vers l'Unité».

LA LULILO. — Porpopola teatraĵo en kvar aktoj de D-ro Alois Ausserer. Laŭ deziro de l'aŭtoro esperantigis D-ro Franz Christanell. Presita kaj eldonita de Val. Höfling, Lämmerstr. M. 1. München. 72 paĝoj, 16 x 10,5 cm. Prezo: Svis. Fr. 1.25.

Bona teatraĵo pri simpla temo. Ne tro komplikita por esti ludata de neprofesiaj aktoroj. Do taŭga por grupaj festoj.

LA KVAKERISMO, de C. Corder Catchpool. Mallonga skizo pri la historio kaj kredoj de la Religia Societo de Amikoj, populare nomataj «Kvakeroj». Eldonita de Friend's Council for International Service, Ethelburga House, 91, Bishopsgate, London, E. C. 2. 16 paĝoj, 18 x 12,5 cm. Prezo: 2 pencojn.

LA UNISMO. (Unuiga Nacia Internacia Socia Movado). NOVA PLANO DE KUNHELPA REKONSTRUADO POLITIKA KAJ INDUSTRIA. 12 paĝoj, 19 x 11,5 cm. Eldonita 1922 (Aprilo) de «La Federacio de la Mondo». Havebla ĉe S-ro Colin Unwin, Leterkesto, 47, Fremantle, Western Australia.

INSTRUISTARO KAJ ESPERANTO, kvarpaĝa propagandilo eldonita de « Gesamtvorstand der Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer». Senpage dissendita. 23 x 15,5 cm.

LERNU LA INTERNACIAN HELPLINGVON ESPERANTON. Germana kvarpaĝa propagandilo. (Esperanto auf einem Blatt). Senpage dissendita. Esperanto-Verlag Friedrich Ader, Dresden-A 27. 23 x 15,5 cm.

LEHRERSCHAFT UND ESPERANTO. Kvarpaĝa propaganda folieto, eldonita de Esperanto-Unuiĝo de germanaj Instruistoj, Prez. Arthur Sohrmann, Weinböhla-Dresden. 23 x 15,5 cm.